# tempo

Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo
Časopis Hrvatskog saveza za esperanto

septembro 2010
n-ro 107



★ Renkontiĝo de esperantlingvaj verkistoj 2010 en Zagorje
★ Kroataj esperantistoj en Kubo, Aŭstrio kaj Pollando
★ 8a kongreso de kroataj esperantistoj en Velika Gorica
★ Memoraĵoj pri Esperanto de Herta Haas

# Karaj legantoj!

Jen venas la fino al la riĉa somera sezono de kroataj esperantistoj. Tiun ĉi numeron de *Tempo* financas **Departamaneto Krapinsko-zagorska**. Tial en la fokuso estas la programoj kiujn Kroata Esperanto-Ligo okazigis en Zagorje. Pri la aliaj okazajoj ene de kroata Esperanto-Movado ni ĉi-numere nur supraĵe mencias, ni pli amplekse traktos ilin venontnumere. Kaj ili ne estas malmultaj:

**Kroata Esperanto-Ligo** transdonis sian raporton pri la tradukprojekto **Unu hidunia infanlibro en Eŭropo – tri eŭropaj infanlibroj en Hinda Unio** al la agentejo **EACEA** de **Eŭropa Komisiono** kaj estis petita kompletigi ĝin kaj disponigi fakturojn al la oficejo en Bruselo. Ni atendas finan pritakson de EACEA pri nia projekto.

Post la maja porinfana scikonkurso en Kostrena okazis en vilaĝo **Hrašćina Meteorita festo** la 29an de majo 2010. La departamentestro **Siniša Hajdaš Dončić** persone venis semajnon anticipe kun siaj kunlaborantoj informiĝi pri la projekto de KEL. En junio samloke okazis de la 18a ĝis 20a **Renkontiĝo de esperantlingvaj verkistoj**, kun la ĉefaj gastoj **Anna Lowenstein** el Romo, **Imre Szabó** el Budapeŝto kaj **Saša Pilipović** el Kragujevac. Pri **Anna Lowenstein** prelegis **Zdravko Seleš** kaj lian prelegon ni publikigas ĉi-numere. **Kruno Puškar** intervjuis la hungaran gaston **Imre Szabó** pri lia literatura agado. **Saša Pilipović** havis la taskon bildigi kiel el romano fariĝas teatraĵo: li prezentis fragmenton el teatraĵo de **Mikaelo Bronstein** ***Dek tagoj de kapitano Postnikov***. Lia posta vigla kaj ampleksa koncerto tiom entuziasmigis la publikon ke prelegantinoj **Zdravka Metz** kaj **Spomenka Štimec** pro tempomanko nur ĉi tie povas prezenti siajn temojn , la libron **Vivprotokoloj** kaj **Amhistorion de la Princino Louise de Belgio**. Ni publikigas rarajon: siaspecan priesperantan testamenton de **Herta Haas**, perita de **Alakesandar Broz**, en traduko de **Zlatko Tišljar**. La renkontiĝo de verkistoj ne povus okazi sen malavaraj transportaj servoj de **Stanko Rukelj, Siniša Dvornik** kaj **Boris Di Costanzo**. Nia membro **D-ro Milivoj Lozovina** kontribuis al la aranĝo per ilustraĵoj por la ekspozicio **Ekkonu ni iom pli bone la kardelojn** kaj pruntis la kompaktdiskon de Vivaldi inspirita per la kanto de kardeloj el kiu ni aŭdigis la muzikon dum la programo. **D-ro Lozovina** mortis la 12an de septembro 2010, dum nia ekskursa tago, kaj tiel lia samtitola artikolo estu rigardata kiel lia lasta mesaĝo al ni.

La nova estraro de KEL dum la **Renkontiĝo** la unuan fojon sursceniĝis en nova konsisito (Foto sube).

**Esperanto-Societo Mondo Paca** el **Velika Gorica** kun sia prezidanto Stjepan Žarina ege aktivis dum la tuta jaro por havigi financajn rimedojn kaj organizi por ni belan **8an kongreson de kroataj esperantistoj**. La kongreso okazis en **Dom kulture Galženica** en **Velika Gorica** la 11an de septembro 2010 pri la temo **Eŭropo kaj Esperanto**. Kun ni estis vicurbestro **Stjepan Kos** kiu malfermis la kongreson. La ĉeftemon pritraktis en siaj prelegoj **Vjekoslav Morankić, Zlatko Tišljar, Zlatko Hinšt, Radenko Milošević** kaj **Antun Kovač**. La kongresa ekskurso gvidis la 12an de septembro tra **Turopolje** kiu semajnon post nia vizito havis grandan katastrofon ĉar la riveroj Sava, Odra kaj Kupa inundis. Aparte suferis ĝuste la vilaĝo **Ščitarjevo** kie situas la antikva **Andautonia** sur kies elfosaĵoj ni spektis belan teatraĵon pri antikva historio de **Andautonia**, reĝisorata de **Romana Rožić** kaj prezentita en senriproĉa Esperanto de **Goranka Braim -Vlahović**. La kongresa rezolucio estis okaze de la **Eŭropa lingvotago la 26an de septembro 2010** sendita al la **Kroata Registaro** kaj la prezidento **Ivo Josipović**, samkiel al la oficejo de **EU** en Zagrebo. Dorsflanke de tiu ĉi numero de ***Tempo*** ni prezentas sesdekon da kongresanoj dum la komuna fotado ĉe la fino de la kongresa programo, fotita de **Stanko Rukelj**. Detalaj raportoj prikongresaj sekvos en la venonta numero de *Tempo*.

En julio startis Esperantlingvaj paĝoj de **Turisma Asocio de Zagrebo** kiujn prizorgas **Judita Rey Hudeček** kaj **David Rey Hudeček** kaj lingve reviziis **Davor Klobučar**. Vi povas vidi ilin per **www.zagreb-turistinfo.hr.**

En julio kroataj esperantistoj aktive partoprenis en pluraj kongresoj kaj mem gastigis esperantistojn ĉe la aranĝo **Montkabana Esperanto-Renkontiĝo**, organizita de **Kroata Esperanto-Junulara Asocio** kaj **Vanja Radovanović**.

Ĉe la kuba konferenco de **Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj** prelegis **Marija Jerković**, prezentinte la kroatan tradukprojekton financatan de EU. Ŝin akompanis al la ILEI-konferenco en **Matanzas Jagoda Latinović-Čaldarević** kaj **Đivo Pulitika**. En **Universala Kongreso de Esperanto** en **Havano** partoprenis 11-membra teamo (**Jagoda Latinović-Čaldarević, Boris** kaj **Jaga Di Costanzo, Marija Jerković, Gordana Katunar, Ivo** kaj **Katja Osibov, Tea Radovanović, Ana Radulović, Judita Rey Hudeček kaj Spomenka Štimec**). Tie ni dum la **Movada Foiro** lanĉis **la novan gvidlibron pri Zagrebo**, en Esperanto-traduko de **Judita Rey Hudeček**, lingve kontrolita de **Davor Klobučar**. **Josip Pleadin** gajnis en **la Belartaj Konkursoj en Havano la duan kaj la trian premion por originala poezio. Spomenka Štimec** kontribuis al **Esperantologia konferenco** prezentinte la tradukprojekton financitan de **Eŭropa Komisiono**. Ŝi havis ankaŭ **aŭtoran duonhoron** – renkontiĝon kun la legantoj. **Estraro de Universala Esperanto-Asocio** atribuis dum la


Fotis Antoaneta Klobučar

**Tempo**

Fondita en 1980. Ne aperis en militaj jaroj 1993 kaj 1994. Aperas laŭeble kvarfoje jare - Jaro XXVIII, numero 107 (2/2010), ISSN 0352-1583. Tiu ĉi numero estas eldonita per financa helpo de Krapinsko-zagorska županija, Krapina.
Tempo aperas sone sur kompaktdisko ĉe Kroata Unuiĝo de nevidantaj Esperantistoj. Voĉlegas Spomenka Štimec.
**Redakcio:** Kneza Mislava 11/III, HR-10000 Zagreb, Kroatio, **tel:** (385 1) 4617550, **fakso** (385 1) 4619373, esperanto@zg.t-com.hr, **www.esperanto.hr** - **Kontribuis:** Božica Brkan, Aleksandar Broz, Herta Haas, Zvjezdana Jembrih, Antoaneta Klobučar, Slobodan Kukić, Imre Szabó, Milivoj Lozovina, Anna Lowenstein, Vera Matanović, Zdravka Metz, Vesna Miroić, Srdan Paunović, Saša Pilipović, Stanko Rukelj, Tea Radovanović, Vanja Radovanović, Judita Rey Hudeček, Josip Pleadin, Srećko Radulović, Zdravko Seleš, Jasminka Štimac, Spomenka Štimec, Zlatko Tišljar. **Grafike aranĝis:** Josip Pleadin. **Presis:** Grafokom, Đurđevac, grafokom@kc.htnet.hr
**Anonctarifo:** 1/1 paĝo 1000 kn (135 EUR), 1/2 paĝo 500 kn 68 EUR, lasta titolpaĝo 2500 kn (328 EUR). Abono kvar numeroj jare 60,00 kn. Por eksterlando 10,00 eŭrojn. Unuopa numero enlande 15 kn, por eksterlando 3 eŭrojn.
***La redakcio ne respondecas pri la opinioj en la subskribitaj tekstoj.***

Jerman kaj **Spomenka Štimec** diplomojn por elstara arta agado. En **Internacia Junulara Kongreso** en **Villa Tròpico** apud **Santa Cruz** en **Kubo** partoprenis **Tea Radovanović** kaj **Tina Tišljar**.

Membroj de **Kroata Unuiĝo de Nevidantaj Esperantistoj Antun** kaj **Marija Kovač** kun **Marija** kaj **Branko Repac, Dragan Štoković, Soka** kaj **Ivica Bakša** aktivis ĉe **Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj** en **Vieno**.

Plej belan someran plezuron faris al ĉiuj kroataj esperantistoj **Kruno Puškar**, kiu dum du monatoj en **Urba biblioteko Franjo Marković** en **Križevci** instruis Esperanton al kvardeko gelernantoj. La kursoj finiĝis per diplomdisdonado la 8an de septembro 2010 kaj la plej bona lernanto **Tomislav Hrebak** estis premiita per partopreno en la 8a kongreso de kroataj esperantistoj en **Velika Gorica. Josip Pleadin** reprezentis la estraron de **KEL** ĉe diplomdistribuo kaj fotis.

En aŭgusto **Vanja Radovanović** kaj **Kroata Esperanto-Junulara Asocio** respondecis pri bela **32a REF – Renkontiĝo de Esperantistaj Familioj** okazigita en kastelo en **Stara Sušica** kun 59 partoprenantoj el 11 landoj. Ĵurnalistoj montris intereson pri la aranĝo.

**Esperanto-Societo Sisak** kun ties prezidanto **Srećko Radulović**, kun helpo de **Esperanto-Societo *Mondo Paca*** el **Velika Gorica** kaj **Esperanto-Societo *Viktor Mihovilić*** el **Karlovac** okazigis la **Duan Esperanto-Boatadon sur la rivero Kupa** (kun 8 plenkreskuloj kaj tri infanoj). La Boatado startis la 1an de aŭgusto 2010 en **Karlovac** kun ĉeesto de vicprezidanto de la urbo Karlovac **Dubravko Delić** kaj prezidanto de **KEL Judita Rey Hudeček**, kiuj lanĉis en la riveron **Kupa** botelojn kun kroatlingva kaj Esperantlingvaj mesaĝoj. Finance helpis la aranĝon urboj **Sisak** kaj **Karlovac, Departamento Sisačko-moslavačka, Esperanto-Societo *Mondo Paca***. La boatado finiĝis la 5an de aŭgusto 2010 kiam la boatanoj estis akceptitaj de la urbestro de **Sisak Dinko Pintarić**, kune kun la ceteraj boatoj festintaj la nacian festotagon **Tago de venko** kaj **Tago de kroataj defendantoj**. Dum la tuta tempo la boatoj portis tra la rivero **Kupa** Esperantlingvan banderolon pri la aranĝo.

La 1a de septembro estis la limdato por akcepto de kandidatiĝoj por **Subvencio Kalendulo**, financata de **Neven Kovačić** kaj pluraj el niaj membroj kandidatiĝis.

Prezidantino **Judita Rey Hudeček** donis intervjuon pri Esperanto por la **turisma filmo pri Zagrebo** parte filmita en la ejoj de KEL en str. Knez Mislav la 22an de septembro 2010. Helpis realigi la filmon **Katarina Savić, David Rey Hudeček** kaj **Đivo Pulitika**.

En septembro niaj studentinoj **Marija Jerković** kaj **Tea Radovanović** partoprenis la studsesion en **Universitato Adam Mickiewicz** en **Poznano** en **Pollando** kaj per prezento de la tradukprojekto kontribuis al la kulturaj programoj de **Arkones**.

Prezidantino **Judita Rey Hudeček** ĉeestis feston de **Hungara Esperanta Asocio** en vilaĝo **Kesztolc** la 25an de septembro 2010 la **3-an Renkontiĝon de Malfermitaj Vinkeloj**, kie ŝi interalie donis intervjuon por la hungara TV pri Esperanto en Kroatio.

**Kaja Farszky**, prezidantino de **Studenta Esperanto-Klubo** kaj **Kroata Esperanto-Junulara Asocio** gajnis belan sukceson en sia profesia muzika vivo: por la koncerto de kvarteto **Klang** en kiu Kaja muzikas (okazinta la 21an de septembro en **Samobor** por la premio **Ferdo Livadić**) **Klang** kun **Kaja** gajnis la unuan lokon kaj la plej altrangan monpremion.

**Sanja Damjanić** finis la septembran agadon de kroataj esperantistoj per dejorado ĉe la budo dum **Foiro de asocioj en Karlovac** la 25an kaj 26an de septembro, informante pri **Esperanto-Societo *Viktor Mihovilić*** en **Karlovac**.

Se mankis supre informo pri via somera Esperanto-agado, bonvolu sciigi!

Bonan legadon!

***Spomenka Štimec***

# RENKONTIĜO DE METEORITO 2010 – VIZITO DE DEPARTAMENTESTRO

**Renkontiĝo de meteorito** estas la festo kiu celas atentigi publikon pri kultura agado de kroataj esperantistoj. **Kroata Esperanto-Ligo** per ĝi en **Hrašćina** ekde 1995 gastigas verkistojn, kritikistojn, desegnistojn, sciencistojn ... Finance helpas la aranĝon **Departamaneto Krapinsko-zagorska** kaj **Komunumo Hrašćina**. Ĉi-jare la ĉefa gasto la 29an de majo 2010 estis desegnistino kaj verkistino **Zvjezdana Jembrih** kies **paŝteloj** inspiritaj per **Zagorje** estis ekspoziciitaj dum someraj monatoj en la fojnejo de la bieno de **Spomenka Štimec**. Pri la literatura, proza kaj poezia kaj pentrista kreado de **Zvjezdana Jembrih** parolis **Milica Lukšić. Matija Novački** ĉarmigis per sia interpretatado de kajkavaj teksteroj de Zvjezdana Jembrih preskaŭ centmembran publikon. Estis plezuro prezenti ĉi-jare la artistojn **Zvjezdana** kaj **Matija** radikantajn en Zagorje, en apudaj lokoj **Zlatar** kaj **Lobor**. Aldone al la programo de **Zvjezdana Jembrih** estis prezentita libro de brita verkisto **Dan Jacobson *Ĉio por la amo***. Ĉar la herooj de la libro **belga princino Louise** kaj ŝia elektito **Geza de Matačić** ĝuste loĝis en la apudaj lokoj **Lobor, Zlatar, Breznica**, aperis la ideo, ke **Zagorje** devus havi hejmon por tiu libro kaj aktive uzi ĝin por turismaj celoj. La proponata hejmo por la dokumentoj pri la aŭtentika vivo de la herooj estas la bieno de **Spomenka Štimec**, en kiu dum ĵardeko kaj duono okazas literaturaj eventoj kiaj **Meteorita festo** kaj **Renkontiĝo de verkistoj**. Ĉi-jare vilaĝaninoj de **Hrašćina** konkursis okaze de la festo per – kukoj. Poetino **Božica Brkan** prezidis la ĵurion kaj elektis la plej plaĉan kukon kia povus kontentigi eĉ princinan guston. Ni prezentas ŝin ĉi-numere tamen kiel poetinon kaj ne kiel kukspecialiston.

Estro de departamaneto Krapinsko-zagorska **Siniša Hajdaš-Dončić** donis atenton al la aranĝo kaj novaj iniciatoj per persona vizito. Akompanata de siaj helpantoj, oficistoj de Evoluagentejo **ZARA** en Zagorje, ĵurnalisto kaj entreprenistoj de la regiono, li informiĝis pri la programo kaj planoj. (Sur la fotoj de **Jasminka Štimac: Zvjezdana Jembrih, Milica Lukšić** kaj **Matija Novački** prezentantaj la subĉielan literaturan programon. La departamentestro **Siniša Hajdaš-Dončić** kunsidas kun la kunlaborantoj en Hrašćina la 22an de majo 2010: de maldekstre Tomislav Bolfan (Vinarija Vinski vrh, Dejan Džakula (Ĉevalklubo Budinšćina) vicestro de Krapinsko-zagorska departamento, Marko Kos (Evoluagentejo Zara), estro de departamento Siniša Hajdaš Dončić, staras Zdenka Tomić (Turisma asocio Krapinsko-zagorska) S. Kopjar, urbestro de Zlatar kun edzino, Zoran Gregurek, (ĵurnalisto.)





***S. Š.***

# EPOKO DE NERONO VIVIGITA EN ROMANOJ DE A. LOWENSTEIN

## 1. Enkonduke

En Esperantujo Anna Löwenstein estas konata esperantistino kiu famiĝis kiel redaktorino kaj verkistino. En literaturemaj rondoj de 1999 ŝi estas konata pro la romano "La ŝtona urbo", en kiu ŝi kunligis sian patrujon (Britujon, kie ŝi naskiĝis en 1951 kiel Anna Brennan) kaj la landon de sia plenkreska vivo, Italujon. Ĉi-romanon kun ŝia dua romano "Morto de artisto" (2008) ligas la sama epoko – temas nome pri antikva Romo dum la regado de imperiestro Nerono, kaj en Hraŝćina ni eksciis ke naskiĝas ankaŭ ŝia tria romano okazanta en la sama epoko, kie en centro de intereso estos la patrino de Nerono, Agripina. Krome, la romanojn la aŭtorino verkas unue anglalingve, kaj poste tradukas al Esperanto, dirante ke al ŝi tio estas pli facile pro pli granda esprimivo de Esperanto. Ankaŭ, la romanoj estas eldonitaj ambaŭlingve, kaj antaŭ nelonge aperis la franca traduko de la unua romano.

## 2. Pri "La ŝtona urbo"

Jam komence de la romano la rakontisto Morimanos, en unu vilaĝo en kelta Britujo, rakontas pri fabela Romo: *"La domoj, laŭ li, estis tiel multaj kaj tiel multegaj kiel la fiŝoj en la riveroj, kiel la ŝtonetoj ĉe la bordo, kiel la ondoj de la maro, kiel la steloj en la ĉielo. Ili estas pli altaj ol la pintoj de la arboj kaj tiel proksimaj inter si, ke se oni vidus puton de greno, la greneroj en tiu puto ne estus pli kunpremitaj ol la domoj en Romo. La urbo etendiĝas tiome en ĉiu direkto, ke se oni prenus la tutan teritorion de nia popolo, tamen ĝi ne kovrus pli ol unu unu anguleton de la teritorio de Romo. Kaj tiuj domoj havas unu egan strangaĵon: ili estas konstruitaj ne nur flank-al-flanke sed ankaŭ unu super la alia. En kelkaj lokoj troviĝas eĉ tri aŭ kvar supermetitaj, tiel ke la loĝantoj paŝas super la kapoj de siaj najbaroj. (...) Neniu punkto de verdo estas videbla en tiu tuta urbo (...) ĉar en tiu urbo, ĉio estas farita el ŝtono."* Kaj pri grandegaj konstruaĵoj, strangaj bestoj kaj armeo kiu "similas nehaltigeblan ŝtormondon" li rakontis.

La fabela kaj fascina Romo, ankaŭ simbolike en la titolo priskribita kiel – la ŝtona urbo. Sed, unue ĝi estas nura rakonto – la plejparte stranga. Anstataŭ Romo antaŭ leganto disvolviĝas rakonto pri vivo de knabino/junulino Bivana en kelta **Britujo**, kiel eĉ titoliĝas la unua el la tri partoj de la romano. La vvo de nia rakontantino kaj ĉefheroino estas ligita al naturo kaj iamaniere finiĝas antaŭ planita edziniĝo. Okazis ke ŝia vilaĝo estis atakita kaj detruita de Romanoj kaj ŝin oni kaptis kaj forkondukis **Al Romo** (titolo de dua parto), kie ŝi fariĝis sklavino en unu vilao en roma ĉirkaŭaĵo. Ŝajnas simple kaj ordinare ĉi tiel rakontite, sed estas nek unu nek la alia. Imagu junulinon 15-16 jaran, disigitan de siaj gefamilianoj, pri kiuj ŝi nenion scias, kiu unue demandas pri sia estonto, kaj, kiel sklavino nekonanta la novan situacion – lingvon, manĝaĵojn, morojn, preskaŭ ĉiutage ŝin alfrontas novaj demandoj kaj problemoj. Mi ne rakontos pri ŝia sorto. Mi diru nur, ke ŝi havos familion kiu en la tria parto, **La Nazaretanoj**, envolviĝos en la grandajn okazaĵojn de la Nerona epoko: ŝi travivos grandan incedion de Romo kaj ĝiajn postsekvojn – persekutojn de kristanoj.

En ĉio ĉi ŝi restas simpla virino, ne ekzistas iuj grandaj gestoj kiuj ŝanĝus vivojn kaj destinojn de multaj homoj – nenio romantika aŭ heroeca kiel ofte estas en tiaj romanoj: la rakontado ne estas evoluigata por elvoki ekscitiĝojn ĉe legantoj pro miraklaj okazaĵoj – temas pri realaca, realisma romano priskribanta tipan sorton de tiu epoko. Tamen, eĉ en realismaj romanoj ekzistas aŭtoraj akcentoj kaj ĉi tie la simbolismo de la romano finfine fermiĝas fine de la romano, kiam la ĉefpersono, Bivana, revenas al la naturo, ekvivinte en urbeto Prenesto (hodiaŭa Palestrina, kie vivas la aŭtorino) kaj planas al sia filino transdoni sciojn pri plantoj el sia infanaĝo: *"Finfine mi povas instrui al ŝi ĉiujn aferojn kiujn mi ĉiam deziras: kiel rekoni la naturajn herbojn, kaj kiel nomi la'Ĉar mi spertis anakaŭ feliĉajn tempojn, kaj se mi konsiderus mian propran vivon, mi ne dirus ke la malbonaj tempoj superpezis la bonajn."* diras ĉion pri la valoro de la spertoj kaj la vivo ...

## 3. "Morto de artisto"

Nun ni revenu al la grandaj okazaĵoj de la – Nerona epoko. Se oni demandus nin pri li – la plejparto el ni havus nebulozajn ideojn pri liaj faroj kaj signifo – ŝvebas en nia menso la rakonto pri lia lirado dum Romo brulis, kie miksiĝas ankaŭ onidiroj pri tio, ke ĝuste li tion faris por havigi al si inspiron por poemfari, sed ... ni ne certas. Ĉu frenezulo? Ĉu, krome, speciale kruela al la kristanoj false akuzitaj pro la brulego? Ni vidu kian rigardon pri ĉi-aferoj donas al ni la aŭtorino.

*"La homoj nuntempe volas nur dancospektaklojn kaj klaŭnadon." Dum mi remarŝis kun la aliaj membroj de la kompanio al la gastejo, kie ni dormis, mi ripetadis ene de mi mian konversacion kun la du junuloj: ĉiun vorton mi memoris. Ili parolis al mi preskaŭ kiel al egalulo, kaj flatis min ilia intereso pri miaj rakontoj de la vivo en vojaĝanta komika trupo. Precipe la pli juna knabo – kiel li nomiĝis? La pli aĝa estis Oto. 'Morgaŭ matene mi sendos iun por paroli kun li.' Mi memoris la nekredeble memfidan tonon per kiu la pli juna diris tiujn vortojn. Mi imagis min mem, vestitan per tiu tuniko, kliniĝantan sur divano en ĉambro tiel luksega, kaj parolantan per la sama tono de trankvila certeco. 'Mi vidas, ke vi ĝuis la vesperon, kara knabo.' Tuj mi ĝustigis mian vizaĝon. Mi ne konstatis, ĝis Rupilio interrompis miajn pensojn, ke mi rikanas kiel komika masko. 'Ne malbone.' 'Supozeble vi ja scias, kun kiu vi babilis? Tiu diketa knabo?' 'Ne, kiu li estis?' 'Mia kara knabo, tiu estis la filo de la imperiestro.' Mi konsterniĝis. 'La filo de la imperiestro!' 'Pli precize, lia adoptita filo. Antaŭe li estis Domicio Ahenobarbo. Tio estis antaŭ ol la imperiestro edziĝis al lia patrino. Nun oni nomas lin Nerono."*

Jen, ni renkontis ankaŭ nian rakontantan ĉefpersonon Prokulpion kaj veran ĉefrolulon – la junan Neronon. Elpensita Prokulpio, iama sklavo – komediisto, estas amiko de Nerono, kun kiu li diboĉas junulece, dum Nerono umas ĉirkaŭ artistoj interesiĝante pri iliaj vivo kaj profesio. Kaj ni tuj diru, ke aktoroj kaj prostituinoj tiatempe estis en la sama sociorango. Ili plejparte estis sklavoj, kaj eminentaj, respektaj homoj ne interplektiĝis je tiaj aferoj. Tamen, laŭ la aŭtorino, Nerono pli volis/volus esti artisto ol imperiestro!

## Iuj komparoj

Ambaŭ romanoj estas rakontitaj realisme: "simpla" kronologia rakontado en "ich-form" (unua persono). En "La ŝtona urbo" la rakontistino estas pli simpla kaj pli estas akcentita ĝuste ŝia propra sperto, ŝiaj ekscitiĝoj kaj mirado pro okazaĵoj, pro alimaniera vivo de Romanoj, kaj en "Morto de artisto" nia rakontisto, kvankam ekssklavo, estas pli rafinita: jam komence li estas ano de unuaranga trupo kaj poste – renkontante homojn el Nerona artisma ĉirkaŭaĵo, eĉ lian instruiston Senekon kaj la plej nobelan, la plej rafinitan homon de la epoko – Petronion, li pli kaj pli scias kaj konas riĉaĵojn kaj ornamaĵojn de Romo. Tiel granda parto de ĉi-romano (duoble pli ampleksa ol "La ŝtona urbo") estas dediĉita al priskribo de vilaoj kaj palacoj, meblaroj, skulptaĵoj, murpentraĵoj kaj ornamaĵoj, iliaj vestoj kaj eĉ frizaĵoj.

Kvankam, do, temas pri elita Romo, la aŭtorina intenco estas la sama – preskaŭ scenografie montri al leganto la vivmanieron, morojn kaj vivstilon de antikvaj Romanoj. Tiu realeca "fono" de la romano estas al ŝi escepte grava. Ŝi estas iasenca instruistino de historio kaj ĉiutagaĵojn ŝi penas bone prilabori: ni ekscias ke Romanoj escepte interesiĝas ne nur pri gladiatoraj ludoj; eĉ pli popularaj estis ĉarkonkursoj. "Estis pli ŝatataj dancospektakloj kaj klaŭnado ol serioza teatro kian ŝatis Nerono."

## Ree al ĉefrakonto

Prokulpio (interesa nomo), elaĉetita, liberigita sklavo (elaĉetis lin Nerono) fariĝas Nerona amiko antaŭ ol li fariĝis imperiestro, kaj poste Prokulpio estas lia kunlaboranto kaj organizanto de artaj ludoj kaj spektakloj, kaj iasenca impresario de Nerono, organizanto de turneo de Nerono tra Grekujo. Li ricevas donacegojn de Nerono (eĉ du vilaojn ktp.) kaj ŝajnas ke li estas iasence KULPA por Nerona memamo.

Nerono, nome, estis 17-jarulo kiam li fariĝis imperiestro kaj ricevis enorman, preskaŭ diecan povon kiu misformis lin. Kvankam li iamaniere estis bona reganto: dum lia regado ĉiam sufiĉis ludoj kaj pano, tamen li fariĝis tirano. Kaj eble eĉ en la arto estas kialo de tio. Ĉar, tamen la artisto el la titolo estas ĝuste Nerono. Ja ni pensas ke li estis triaranga artisto, kiu nesufiĉe okupiĝis pri arto, sed estis preskaŭ tute alie. Lia vera amo estis arto: li prefere estus granda artisto ol imperiestro, kaj pro kapjesantoj, flatuloj kaj poltronoj ĉirkaŭ si, li vere vidis sin kiel la plej bonan, diecan, ege talentitan, kvankanam li estis nur la plej bona amatoro: pri arto en Romo okupiĝis talentitaj sklavoj, elektitaj el miloj el ili, kaj ofte trejnitaj de la unuaj jaroj de sia vivo: eble en iuj artoj, kiel

oratorado kaj literaturo, li povis esti inter la plej bonaj entute, tamen ĉiu lia streĉo ne povis el li fari diece bonan kaj de aliaj distancitigan artiston. Tiel li suferis artistajn problemojn konatajn al ĉiuj artistoj: ĉiaman demandadon pri siaj fortoj, eblecoj kaj penoj kaj jaluzon al aliaj. Kaj mishomoj el la ĉirkaŭaĵo kaj enorma potenco kiun li havis, forglutis kaj liajn verajn malamikojn, kaj ĉiujn kiuj ne subiĝis al "opinio" de la flatanta rondo – do li, post iom da tempo, preskaŭ al neniu fidis, kaj unu post la alia estis mortigitaj aŭ mortkondamnitaj lia patrino Agripina, lia instruisto Seneka, liaj amikoj Petronio, Pariso kaj multaj aliaj.

Nia rakontanto, Prokulpio, venante al iu vespera amuzo ĉe Nerono vidas preskaŭ neniun el ilia antaŭa amika societo. Kaj li ekkonscias ĉion kion li ne volis konscii, kion li ne volis kredi, kvankam, bezonante helpon de Nerono, li restas ĝisfine kun li.

Kaj ĝuste tiu ĝisfina kunestado de elpensita persono estas ĝisfina pridemandado de la aŭtorino pri Nerono: kiu kaj kia vere estis li: imperiestro, verkisto, tirano? Laŭ nia aŭtorino li estis ĉio ĉi kaj, eble pro artista solidareco, ŝi provas almenaŭ iamaniere kompreni lin. Fine de sia vivo Nerono okupiĝis pri Aleksandro: *"Li volis alporti la grekan vivomanieron al ĉiuj landoj de la mondo! Mi scias, ke estas sufiĉe banale paroli pri la eksterordinareco de lia atingo, sed trafas min ĝuste tio, kiam ajn mi legas pri li. Kaj li havis nur tridek tri jarojn, kiam li mortis: nur tri jarojn pli ol mi havas nun. Pensu, kion li estus farinta, se li estus vivinta pli longe! Mi sentas la devon daŭrigi lian laboron, ekirante de la punkto, kie li ĉesis. Mi ne pretendas esti same genia kiel li pri militaj aferoj, evidente, sed mi volas koncetriĝi pri tiu parto, por kiu mankis al li tempo: disvastigi klerecon kaj artojn kaj juron tra la tuta imperio!"* Li verkas trilogion pri Aleksandro, tri teatraĵojn, kaj, antaŭ la morto ne pensas pri povo, lukso aŭ io simila – li bedaŭras pro poemoj kaj teatraĵoj neverkitaj: *"Ĉiuj poemoj, ĉiuj teatraĵoj, kiujn mi volis verki. Mi havas tiom da ideoj. Nun ili neniam vidos la taglumon. Kia perdo, kia terura malŝparo."*

Mortis la artisto.

***Zdravko Seleš***

# VIVO DE VERKISTO



***Anna Lowenstein kaj Zadravko Seleš dum la verkista renkontiĝo***

Fotis Spomenka Štimec

Jam kiel infano mi volis esti verkisto. Mi havis modelon antaŭ miaj okuloj: ankaŭ mia patrino estis aspiranta verkisto, kaj mi vidis ŝin labori dum horoj ĉe malgranda skribmaŝino (ĉu vi memoras la antaŭelektrajn skribmaŝinojn?). Ŝi verkis sian unuan teatraĵon, kaj mi, ses-jara, rimarkis kun intereso la apartan manieron laŭ kiu oni dismetas la tekston, kiu estas malsama de ŝia aranĝo en noveloj aŭ romanoj:

SOFIA: Kio okazas? Kial vi ĉiuj staras tiel? (maltrankvile) Ĉu io misas?
ERIKA: Temas pri Eva, panjo.
SOFIA: Kio estas kun Eva? Kie ŝi estas? Ĉu ŝi estas malsana? Ĉu trafis ŝin akcidento?
ABRAMO: Ŝi volas edziniĝi kun Ludoviko.

Mi petis folion de mia panjo, kaj tuj verkis mian propran teatraĵon, dramon en unu akto kun la senmorta titolo **La perdita pupeto**. La teatraĵo de mia patrino, cetere, ja estis prezentita kaj havis ioman sukceson.

La elementa lernejo kuraĝigis mian intereson pri krea verkado, sed pli aĝa kaj pli memkritika, mi perdis la facilan kapablon verki, kiun mi ĝuis kiel infano. Kiam mi estis studento, mi jam rezignis pri ĉia verkado krom devigaj eseoj.

Estis la Esperanto-movado, kiu revekis en mi la kutimon verki. En miaj dudekaj jaroj mi laboris ĉe UEA, kaj tie oni petis min verki artikolojn por la revuo kaj la gazetara servo. Sekve mi verkis serion por Kontakto pri rilatoj inter virinoj kaj viroj (la 70aj jaroj estis pinta momento de la virina movado), kaj kuraĝigate de ĝia sukceso, mi fondis la revueton **Sekso kaj egaleco**, kiun mi redaktis inter 1979 kaj 1988. Tiel, pro kaj per Esperanto mi retrovis mian verkemon, tamen mi produktis nur faktajn artikolojn. Mi ne plu imagis, ke mi povas verki fikcion.

En 1981 mi venis la unuan fojon al Romo. Mi vizitis la kutimajn vidindaĵojn: Koloseon, la Forumon, Vatikanon – kaj ankaŭ Panteonon. Panteono mirigis min. Mirigis min ĉefe ĝia grandegeco; ĝis tiam mi ne sciis, ke jam en la dua jarcento oni kapablis konstrui tiel gigantajn konstruaĵojn. Kaj ĝuste en tiu momento, dum mi admiris ĝiajn marmorajn kolonegojn, venis al mi la ideo por La ŝtona urbo. Se mi estas imponata, mi pensis, imagu kian impreson tia konstruaĵo donus al homo ĵus veninta el tribo en Britujo aŭ Trakujo, kiu neniam vidis domon pli grandan ol ligna kabano.

Mi havis do la ideon por mia unua fikcia verko, sed mi ne ekverkis tuj. Okazis al mi en la postaj jaroj tro da aferoj: mi transloĝiĝis de Roterdamo al Romo, edziĝis kun mia edzo Renato, naskis du infanojn ... kaj kun du malgrandaj filoj mi apenaŭ trovis tempon eĉ por fini leteron kaj skribi la adreson sur la koverton. Komenci romanon estis ne penseble.

Kiam Gabrielo jam vizitadis lernejon kaj Fabiano je tri jaroj ekiris al infanvartejo, finfine mi estis libera dum kelkaj horoj ĉiutage. La infanvartejo estis malproksima de nia domo, kaj la aŭtomobila vojaĝo daŭris 40-45 minutojn nur en unu direkto. Portinte Fabianon, ne valoris reiri hejmen; mi preferis atendi surloke. Do, mi parkis mian aŭtomobilon en flanka strato, sidiĝis sur la malantaŭa sidloko kun miaj libroj kaj paperoj, kaj ekverkis mian romanon.

Mi ne memoras, ĉu tiam jam ekzistis porteblaj komputiloj, sed ili ankoraŭ ne estis vaste uzataj. Mi skribis mane. Eble al kelkaj legantoj tiu fakto ŝokos pli ol la fakto ke mi verkis sidante en aŭtomobilo, sed mi neniam vidis tion kiel malavantaĝon. Verkado estas malrapida afero: necesas konstante paŭzi, relegi, pensi, korekti, kaj de tempo al tempo, kiam pro amaso da revizioj la teksto pli similas brodaĵon ol skribaĵon, reskribi la tuton en legebla formo. Mana verkado permesas senperan interrilaton kun la teksto laŭ maniero, kiu ne eblas per komputilo. Se necesas revortumi frazon, ekzemple, oni simple trastrekas ĝin kaj skribas la novan version inter la linioj. Kiam oni korektas komputile, aliflanke, necesas pluraj manovroj, tiel ke la atento estas distrata for de la ĝustigota frazo al la mehanismo de la korektado. Krome, la neceso poste kopii kaj netigi la tekston estas nova momento por recerbumado kaj reviziado. Kiam oni skribas mane, oni havas tempon por pripensi ĉiun unuopan vorton.

**La ŝtona urbo** evidente postulis plurajn esplorojn: pri la vivo de la antikvaj keltoj, pri la roma invado de Britujo, pri la vivo de sklavoj en Romo, pri la fruaj kristanoj. Mi malkovris la germanan arheologian instituton (Istituto Archeologico Germanico) en Romo, kiu havas elstaran bibliotekon, similan al tiu de universitato. Tie mi viciĝi ĉiuj libroj, kiujn mi bezonis, kaj jarkolektojn de fakaj periodaĵoj ekde la 19a jarcento. Iam, kiam mi serĉis taŭgajn nomojn por miaj roluloj, oni rekomendis al mi libron kun la titolo (anglalingve) **Gaŭlaj personaj nomoj**. Mi apenaŭpovis kredi, ke mi trovos ĝin: finfine, kiom da homoj povus esti en Romo, kiuj serĉus libron pri gaŭlaj personaj nomoj? Kaj tamen, jen ĝi.

Nuntempe la situacio ŝanĝiĝis. Miaj du filoj plenkreskis kaj ne plu loĝas hejme. Mi havas preskaŭ la tutan tagon por verkado; estas mirige, kiel tiu troo da tempo ne helpas produkti pli. (Ĉu vi konas la "leĝon de Parkinson"? – Laboro ŝvelas por plenigi la disponeblan tempon.) Anstataŭ sidi kunpremite sur la malantaŭa sidloko de mia aŭtomobilo, mi laboras komforte antaŭ la komputilo. Mi ĉam intencas skribi mane kiel antaŭe, sed estas malfacile konvinki min fari tion – kial kopii ĉiun alineon plurajn fojojn, kiam eblas korekti ĝin tuj? Tamen tiu plia rapideco malhelpas detalan atenton pri unuopaj vortoj.

Sed unu evoluo certe estas pozitiva: ne plu necesas veturi al Romo por serĉi apenaŭ konatajn librojn en la germana arheologia instituto. Ĉo estas trovebla post kelksekunda serĉo en Interreto. Aŭ preskaŭ ĉio. Gaŭlaj personaj nomoj aperis antaŭ pli ol kvardek jaroj, en 1967. Se mi dezirus konsulti ĝin, necesus iri al biblioteko.

***Anna Lowenstein***




## POLIARTRITO

Per pikaj botoj kaj gantoj
flamantaj vestis doloro
min ĝis genuoj, kubutoj,
teruraj dratoj per boro

tra ostoj stebis la karnon
abomenege, la nervoj
nun ĉuj hurlas sub ardaj
kudreroj kun febraj vervoj.

Jen tiuj hurlaj veegoj
estas miaj najtingaloj,
alaŭdoj hodiaŭ, tiuj
bruaj, stultaj suferaroj,

kaj pikdoloraj ŝveladoj,
kaj ŝvebe vastiĝaj monstroj,
fulmveaj genuoj, fingroj
kaj tiuj tondraj manartroj

disŝiras al mi la cerbon,
min povas memorigi jam
nur konscio pri doloro,
ke homo estis mi iam.

*Imre Szabó*

# AMHISTORIO PRI BELGA PRINCINO LOUISE KAJ KROATA NOBELO GEZA MATAČIĆ EL ZAGORJE

Verkisto Dan Jacobson (naskita en Suda Afriko en 1920) publikigis en Londono, kie li vivas kiel universitata emerita profesoro pri literaturo, anglalingvan romanon sub la titolo **All for love / Ĉio por la amo**. Li esploris historion de Afriko kaj precipe la historion de la lando Kongo. Kongo en la 19a jarcento estis regata de la belga reĝo Leopoldo la Dua. Okupiĝinte pri la vivo de la kruela belga reĝo, la verkisto trovis informon pri lia plej aĝa filino Princino Louise de Belgio kaj ŝia amhistorio. Al la verkisto ekŝajnis ke pli fascina amhistorio en nia epoko apenaŭ ekzistas. La reala historio inspiris la libron, aperinta anglalingve en 2005 per la brita eldonejo Hamish Hamilton. Tuj sekvis tri pliaj anglalingvaj eldonoj per Penguin Books kaj unu hispana. La kroata eldono aperis ĉe AGM en 2009 sub la titolo **Sve za ljubav**.

La ĉefheroino estas belga princino Louise naskita en la brusela reĝa palaco Laeken en 1858.

Kiel 16-jara knabino ŝi forlasis Belgion, edziniĝinte al aŭstri-hungara princo Filipo de Sachsen Coburg de Gotha kaj ekloĝinte en lia palaco Coburg en Vieno. Ankaŭ ŝia pli juna fratino Stephanie ekrezidis en Vieno, kiel edzino de tronherdanto princo Rudolfo de Habsburgo. Iliaj vivoj turniĝis ĉirkaŭ la viena imperiestra kastelo Hofburg, kie la regnestroj estis la imperiestra kaj reĝa paro Franz-Jospeh/ Francisko-Jozefo de Habsburgo kaj la bela Elizabeto, konata en la popolo kiel imperiestrino Sisi. (Granda skandalo trafis la imperiestran familion kiam la solfilo princo Rudolf memortigis sin en kastelo Mayerling, kune kun la juna grafino Maria Večera. Lin sekvis en la politika vivo de Habsburgoj la tronheredonto princo Franz Ferdinand, mortpafota en Sarajevo en 1914. Tiu politika murdo signis la komencon de la sanga Unua mondmilito.)

La du princaj kuzoj Filipo kaj Rudolfo estis parencoj kaj amikoj. La princo Filipo trovis la princon Rudolfon morta en la kastelo Mayerling.

Princino Louise estis patrino de du infanoj, princo Leopoldo kaj princino Dorothea - Dora.

Kiam Princino Louise en majo 1895 promenis tra la viena parko Prater, veturigita en la imperiestra kaleŝo, ŝi estis ravita per lerteco de juna soldato dresinta forkureman virĉevalon. La rigardo de la princino kaj de la subleŭtenanto renkontiĝis. El tiu renkontiĝo naskiĝis la amo, kiu sklandalis la tiaman Eŭropon.

Kiu estis la juna sinjoro?

Lia nomo estis Geza de Matačić. Li naskiĝis la 2an de decembro 1868, en Kroatio, en familio de etnobelulo Lazaro-Kolomano Matačić en la bieno Tomaševec apud la urbeto Klanjec. Elementan lernejon kaj gimnazion li finis en urbo Varaždin, abiturientiĝinte en 1886. Li havis fraton Bela. Lia patrino Ana en la dua geedzeco edziniĝis al grafo Oskar de Keglević kaj ekloĝis en lia kastelo en Lobor. Kiam la grafo adoptis la gefratojn Geza kaj Bela, Geza alprenis la grafan familian nomon Keglević. (Geza estas parenco de fama kroata muzikdirektoro Lovro Matačić.)

La subleŭtenanto Geza devenis el modesta familio. Ne speciale talentita, sen bonhavo, li postenis en aŭstri-hungara armeo ĉe ulana regimento, unue en Pollando. Lia enamiĝo al pli aĝa princino fariĝis obsedo.

Eksciinte ke la du princinoj Louise kaj Stephanie parton de la vintro 1986 pasigos ĉe la Adratika maro en Opatija/Abbazia, li forveturis tien kaj trovis manieron prezentiĝi al la princino. Komenciĝis la idiliaj tagoj kun promenoj, dancoj kaj rajdado. La viena kortego tuj eksciis pri la maldeca konduto de la princino Louise. La skandalo kulminis kiam Matačić estis nomumita ŝia instruisto pri rajdado.

Sep semajnoj post la reveno al Vieno, al Geza estis ordonite forlasi Vienon. Samtage la imperiestro invitis la princinon al aŭdienco kaj malpermesis al ŝi ĉiujn publikajn oficojn en la kortego.

Matačić forveturis hejmen al Kroatio, sciigante la princinon ke li estas en Lobor, en la kastelo de la vicpatro grafo Keglević. Ŝi invitis lin al Nico, al Vilao Paradizo, kie ŝi ekrezidis. Ili ĝuis luksan vivon kaj gastis en pluraj plezurejoj de Eŭropo. La edzo spionis ilin.

La kortego postulis ke la princo duelu kontraŭ Matačić. La duelo okazis en Vieno je la 40a naskiĝtago de la princino, unue per pistoloj kaj poste per sabroj. Matačić vundis la princon en la manon kaj la duelo finiĝis. Matačić revenis al Nico kaj nur nun rakontis al la princino, kie li estis.

Samtempe eksplodis la skandalo pri obligacioj: Matačić estis akuzita ke li falsis subskribon de la princino Stephanie.

(Ŝtata arkivo en Zagrebo konservas inter multaj dokumentoj ankaŭ la koncernajn obligaciojn kaj la telegramojn kiujn Matačić kaj Princino Louise interŝanĝis, samkiel korespondaĵon kun advokatoj, kiujn la paro bezonos.)

Restinte sen mono, la paro venis al Kroatio, al la hejmo de la patrino de Matačić, al la kastelo Lobor, akompanata de ŝia sekvantaro. La grafo mem foriris tiutempe el la kastelo por ne malplaĉi al la imperiestro. La princino kun Geza gastis ankaŭ en



*Lobor-Grad hodiaŭ, la iama kastelo de la grafa familio Keglević kie loĝis belga princino Louise kun Geza Matačić-Keglević. Fotis Jasminka Štimac.*

Breznica en la bieno de nobelulo Artur Ožegović, amiko de Geza. Princo Filipo oficiale deklaris ke lia edzino suferas de serioza mensa tordiĝo, vagante tra kroataj vilaĝoj en akompano de iu Matačić.

La kortego en Vieno petis la helpon de la kroata banuso (vicreĝo) Khuen-Hédervary kaj tiu engaĝis advokaton Tonković, el urbo Zlatar apud Lobor. Matačić ne reagadis al la invitoj de la banuso, sed fine cedis kaj direktiĝis kun la princino Louise kaleŝe el Lobor al Agram/Zagreb. Ŝin akompanis ŝia konstanta garddamo. Ili eklogis en la hotelo Pruckner.

En la frua matena horo la polico aperis ĉe la pordo kaj arestis Geza Matačić. Armea tribunalo ekprocesis kontraŭ li pro falsigo de la financaj dokumentoj.

Sammatene Princino Louise estis metita en specialan trajnon, kiu atendis ĉe la ĉefstacidomo kaj kiu portis ŝin al la malsanulejo en Mödling apud Vieno. Tio montriĝis frenezulejo.

Post longa tribunala procezo Geza Matačić estis kondamnita al la sesjara prizono en Möllersdorf en Aŭstrio. La princino rajtis akcepti neniun lian leteron. En la jaro 1898 oni translokis la princinon al la sanatorio Lindenhof en Koswig apud Dresden en Germanio.

La monda gazetaro inkluzive **The New York Times** raportis pri la aventuroj de la amparo.

Laboristino en mallibereja vendejeto Maria Stöger enamiĝis al la malliberulo Matačić. Ŝi amis lin kaj helpis organizi revizion de la procezo kaj liberigi lin en 1902. Geza kaj Maria havis filon Berthold kaj translokiĝis al Vieno. Per ŝia helpo troviĝis financanto kaj teamo, kiu en aŭgusto 1904 kaperis la princinon el Bad Elster, en Germanio, dum ŝia provizora ripozado en Wettiner Hof.

Fuĝinte ili sukcesis atingi Parizon. Malriĉiĝintaj ili daŭre veturadis tra eŭropaj ondumejoj. Matačić publikigis siajn memorojn en 1904 en Lepsiko germanlingve **Aus den letzten Jahren/El la lastaj jaroj.** La princino publikigis siajn memorojn franclingve en 1921, **Autour des thrônes que j'ai vue tomber/Ĉirkaŭ la tronoj kiujn mi vidis falantaj**, angle **My own affairs**, 1924.

Maria kaj ŝiaj du infanoj fariĝis parto de la sekvantaro de la princino, ŝi estis dommastrino de tiu interesa komunumo.

Dum la Unua mondmilito, Matačić estis mobilizita kaj malliberigita kiel perfidulo de la imperio. En la kaoso post la jaro 1917 ankaŭ la princino estis malliberigita, en Budapeŝto kondamnita pro spionado al la morto. Béla Kun liberigis ŝin.

Maria kun du infanoj, Viktor (el la unua geedzeco) kaj Berthold eklogis en Möllersdorf.

La geedzeco de la princino Louise kaj princo Filipo estis oficiale eksigita en 1906.

Dora,la filino de la princino, edziniĝis en Germanio, en Schleswig-Hollstein.

Leopoldo, la filo de la princino, mortis en 1916 post kiam prostituitino trafis lian vizaĝon per acidaĵo.

La patro de la princino Louise, reĝo Leopoldo la Dua, senheredigis ĉiujn siajn tri filinojn. La riĉaĵojn li lasis al sia juna amatino, kiun li antaŭ la morto edzinigis.

Matačić mortis en Parizo en aŭtuno 1923. La princino ne havis monon por enterigi lin. Laŭdire iu anonima sendinto sendis la monon por la enterigo al ŝi.

Kelkajn monatojn poste, la 1an de marto 1924 Princino Louise mortis en Wiesbaden en Germanio.

Multaj artistoj estis inspiritaj per ŝia vivo, ekz. BBC filmis en 1952 TV-serion "Ŝia Reĝa Moŝto".

Kial ni rakontis al vi tiun ĉi historion?

Ĉar la kroata parto de la rakonto okazas en la regiono kie troviĝas la bieno de Spomenka Štimec kaj kie ekde 2005 okazas ĉiujare Renkontiĝo de esperantlingvaj verkistoj. La kastelo Lobor-Grad, posedata ĝis 1918 de grafo Oskar Keglević, vicpatro de Geza, troviĝas 29 km de la bieno. Post 1945 en la kastelo estas hospitalo. La bieno de amiko de Geza, Artur Ožegović en Breznica, estas je 5 km for de la bieno. Nuntempe en la domo de Artur estas vinfarejo Ŝafran.

En la bieno de Spomenka Štimec estas konservataj multaj dokumentoj pri la amrakonto. La Renkontiĝo de verkistoj 2010 spronis serban aktoron Saša Pilipović ekkonsideri prepari teatraĵon inspiritan per la vivo de Geza Matačić.

*Spomenka Štimec*

# KUKO DE LA PRINCINO LOUISE

Dum la **Meteorita festo** pluraj dommastrinoj el Hraščina partoprenis en la kuk-konkurso por elekti la kukon kiu povu plaĉi al la Princino Louise dum ŝia restado en Zagorje. La proponitajn kukspecojn prijuĝis speciala ĵurio konsistanta el **Božica Brkan** kaj **Rajka Štimec**. Ili elektis la kukon de Vesna Miroić el vilaĝo Domovec por la kuko de la princino Louise 2010.

La premioj por la partoprenintoj en la konkurso por la Kuko de la princino Louise estis libroj de konata kroata ĵurnalistino kaj poetino Božica Brkan. Por la legantoj ni publikigas poemon el la poemaro de Božica Brkan.

Jen la recepto pri la Kuko de la princino Louise:

(Mezurunuo en tiu ĉi recepto estas kuireja tetaso.)

Kreu la kukmaterialon per la jena maniero:

Miksu en la ujo du ovojn, unu tason da sukero, unu tason da distranĉitaj juglandoj, unu tason da sekigitaj vinberoj. Aldonu duontason da fandita butero, unu tason da laktokremo, du tasojn da faruno. Aldonu du supkulerojn da mielo kaj unu supkuleron da pistita cinamo. Aldonu saketon da bakpulvoro.

Kirlu la tuton. Prenu vian ŝatatan bakujon, oleumu ĝin, surverŝu iom da faruno por ke la kukmaso ne alugluiĝu kaj enverŝu ĝin. Baku en la forno je varmeco kutima por aliaj kukspecoj.

Baldaŭ via kuirejo agrable odoros je cinamo ...

Bonan apetiton!

*Vesna Miroić / Spomenka Štimec*

# MALJUNIĜO

Alispeca ventro. Aparta.
Entranĉaĵo en la frunto, sulko.
Kiam mi iras, nudpieda, surŝtone
la plandumoj pli profunde entranĉiĝas en akraĵojn.
Mi pli malrapide renversiĝas.
Pli longe mi silentas, pli longe mi rigardas, la okuloj doloras.
Miaj manoj ja ĉiam estis maljunaj.

Kaj mi estas pli stulta, iel.

Zvjezdana Jembrih
Esperantigis S. Štimec
El poemaro *Amantoj Reĝino Malsato* [KEL1], 2007

# EKKONU NI IOM PLI BONE LA KARDELON

Totala longeco de la kardeloj varias de 11,7 ĝis 16 cm kaj la pezo de 15,5 ĝis 21,4 g, depende de la subspecio.

Jen vigla kaj sugesta priskribo de la kardelo kiun donis Leopoldo Codazzi en sia **Trattato di Ibridologia**, sed kiu pli konvenus al poeto ol al natursiencisto:

"Kardelo estas la plej konata kaj la plej kara birdo, ĝi apartenas al la fringedoj (Fringillidae) kaj estas portisto de la genra nomo. Francaj natursciencistoj ĝin nomas eleganta kaj ĝi fakte estas eleganta, perfekta, vestita kiel dando, vera flirtemulo kaj ĝiaj movoj estas ĉiam rafinitaj, viglaj kaj fleksiĝemaj.

Kvin kardelaj koloroj estas distribuitaj laŭ rava desegnaĵo, unika kaj plejaltgrade estetika. Ĝi apartenas al la plej belaj birdoj kiujn Dio kolorigis per sia dieca kreado kaj scio. Ĝi estas tiel subtila, delikata, kun belaj koloroj, sed tio kio pleje altiras, estas bona dislokigo de la koloroj. Eĉ inter la ekzotoj estas malfacile trovi la desegnaĵon kiu al ĝi estas egala; iuj ekzotoj ĝin superas je koloro, per nura kolorriĉeco, sed kun tia desegnaĵo vere malmultnombraj ekzistas, ĉar ĝi estas krome kompletigita per randoj, ornamaĵoj, migdalformaj blankaj makuloj ktp. Per la ludo de flavo kaj nigro, respektive ruĝo kaj nigro, ĝi estas eksterordinara. Krom tio ĝi havas akran, longetan, noblan, leĝere "alla Dante" fleksitan bekon kun oblikvaj randoj, rozkoloran kun la plej delikataj haretoj ĉirkaŭ ĝia radiko. La kapo estas trikolora kaj la viva flavo kiel disflorinta spartio meze de flugiloj ĝin prezentas vera snobo, kiu aspektas bonvivule, sed ĝi estas plena de ĉarmo kaj mildo. Ĝiaj fronto, kolo kaj vango klare karminruĝaj surprizas la observanton; facioj estas neĝblankaj, limigas ĝin kaj aldone ekzistas unu neĝblanka maldika zono kiu fermas la kolon de malantaŭe."

Ĉi tiujn belajn plumkolorojn de ĉarma birdeto ne povis flankenlasi pentristoj, kiel Pisanello, Bartolomeo Cincani, Leonardo da Vinci, Raffaello Sanzio, Hieronymus Bosch, Rubens, Bartolomé Esteban Murillo, Jan Seen C. Fabritius, Giovanna Garzoni, Gianbattista Tiepolo, Picasso kaj multaj aliaj. Sur iliaj famkonataj artaĵoj trovis sian lokon ankaŭ nia kardelo.

Krom per la kolorriĉeco la kardelo elstaras ankaŭ per harmoniaj, ĉiam viglaj movoj.

Dume, la kardelo distingiĝas ankaŭ per harmonia, plaĉa kaj plezuriga kanto. Tial ne mirigas ke – apud multaj aliaj artistoj – grandan konfirmon donis al la kardelo la fama komponisto Antonio Vivaldi, kiu en koncerto, op. 10 no. 3 por fluto **Il gardellino** interpretis la kantadon de nia ekkantanta fringedo.

Bredantoj dum jarcentoj sukcesis plene domestikigi ĉi tiun birdon, tial nuntempe birdbredantoj vere sukcese bredas kardelojn dum multaj generacioj en kontrolita kvanto. Bredistoj efektivigis sukcesan bredadon: Lastatempe estis efektivigitaj kaj fiksitaj 25 mutacioj* de plumkoloroj.

***D-ro Milivoj Lozovina***

**Mutacio*: gena ŝanĝo transigata al idoj. Plej ofte ĝi evidentiĝas je ŝanĝo de plumkoloroj.



***Ekspozicio pri kardeloj prizorgita de D-ro Milivoj Lozovina por Festo de meteorito 2010 en Hraščina.***
Fotis J. Štimac




***Saša Pilipović post Hraščina en Havana***
Fotis Srđan Paunović

## EN LA NOKTO

Ĉe la liaj dum vespermanĝo

Homo ne povas trankvile satmanĝi pro vi
Vi neniam permesis vin bapti*
Se vi deziras foriri, eblas
tuj
Sed la bovidon, la ĉevalon, la vitejon kaj la herbejon
tiun ĉe la vojo,
kiujn vi venigis,
vere vi lasos .
La meblaron vi povas kunporti, eble ili vin
denove edzinigos
ni ne veturigos ŝin
sed malsata kaj senvesta
ĉe ni vi ne estis

Ĉe la ŝiaj dum matenmanĝo

Kial diable vi foriris
ĉu vi stultas
Tian malhonoron fari al ni
Al neniu facilas
Al ĉiu ties kruco plej pezas
Sed se oni jam iras
Oni iras kun ĉio
La bovidon la ĉevalon la vitejon la herbejon
Vi ne rajtis lasi
Ĉar sen tio
Vi nek ien aliris
Nek ien revenis

Božica Brkan

El la kajkava dialekto de la kroata lingvo esperantigis Spomenka Štimec

* Vi ĉiam obstinis
El poemaro "Ventumilego aŭ familia arkelogio" / "Vetrenica ili obiteljska arheologija"

# HEINRICH (HENRIK) HAAS

## FONDINTO DE ESPERANTO-SOCIETO EN MARIBOR

El la historio de Esperanto-Movado en Maribor mi ne memoras multon, ĉar mi naskiĝis en 1914. Kelkion mia patrino rakontis al mi poste kaj kelkion mi aŭdis de aliaj homoj, kiuj konis mian patron.

Mia patro Henrik (Heinrich Alexander) Haas naskiĝis la 12-an de junio 1864 en Stand des Bräutigams apud Graz (Aŭstrio) de patro Simon Haas kaj patrino Maria Gmoser. Lia patro estis vilaĝano en Rosenberg ĉe Graz kaj en la familio estis multaj infanoj. Li estis ununura el la gefiloj kiu finstudis ĉe la universitato. Post la studo de juro en Graz, li laboris kiel advokathelpanto kaj kiel advokato en Graz. Al Maribor (tiutempe Marburg an der Drau) li venis verŝajne en 1906, kie li malfermis advokatejon. Li estis unua advokato, kvankam de germanlingva deveno, kiu en la juĝejo defendis siajn klientojn – slovenojn en la slovena lingvo. La slovenan li ellernis ankoraŭ kiel gimnaziano memlerne. Kiel advokato li estis escepte kapabla defendanto de la akuzitoj kaj multaj junaj advokatoj, helpantoj, junaj juĝistoj kaj studentoj venis lin aŭskulti.

Post la fino de la Unua mondmilito en 1918 mia patro restis en Maribor kaj iĝis ŝtatano de Jugoslavio. Li daŭrigis okupiĝi pri advokatado ĝis sia morto la 30-an de julio 1925 en Graz kie li estis entombigita en la Zentralfiedhof-tombejo.

Samkiel li facile kaj mem lernis la slovenan, tiel li lernis ankaŭ aliajn lingvojn. Li rakontis al mi kaj mia frato Silvio, ke ofte post la lernejo li devis helpi al sia patro peli bovinojn paŝti sin. Tiam li kunprenis lernolibron de iu fremdlingvo kaj lernis. Ĉar liaj gepatroj ne estis riĉaj kaj li ne povis esperi ricevi monon de ili por libroj, antaŭ la lernejo li iris al herbejo, kolektis florojn kaj antaŭ la komenco de la lernejo vendis ilin sur la merkato. Li estis tre talenta por lingvoj kaj li ekregis lingvojn unu post la alia. Kiam li sufiĉe bone ellernis unu lingvon de ekz. ĝermana aŭ latinida lingvo-grupo li tre facile lernis pluajn el la sama lingvogrupo. Tiel li ellernis 24 lingvojn el kiuj li flue uzis 12 kaj en aliaj 12 li kapablis baze elturniĝi. Tio ege helpis lin en la advokata praktiko ĉar multaj homoj venis al li kun dokumentoj en tre diversaj lingvoj kiujn li povis traduki kaj kompreni.

Tiu interesiĝo pri fremdlingvoj kaj aliaj kulturoj verŝajne lin motivigis ke jam en 1906 li aktiviĝis en Esperanto-societo en Graz. Kaj tuj post la alveno al Maribor li komencis propagandi Esperanton. En la jaro 1910 li fondis Esperanto-societon en Maribor kiel sekcion de Esperanto-societo de Graz, kaj li estis prezidanto de la Maribora societo ĝis sia morto. Antaŭ la fondo de la Maribora societo li ĉiusemajne iris al kunvenoj de esperantistoj en Graz. Post la labortempo li sidiĝis en trajnon kaj vojaĝis al Graz, partoprenis en la kunvenoj kaj reiris per malfrua vagonaro al Maribor. Por akiri membrojn li mem pagis presadon de flugfolioj en kiuj li klarigis al Mariboranoj la celojn de Esperanto kaj invitis ilin aliĝi al la societo. Mi memoras ke la mariboraj esperantistoj havis siajn regulajn kunvenojn en kafejo "Central", pli poste en gastejo "Emeršič" (kiu post la dua mondmilito nomiĝis gastejo "Turist". Malantaŭ la gastejo estis malgranda teraso sur kiu estis longa tablo kaj tie la esperantistoj regule kunvenis. Ankaŭ mi kelkfoje ĉeestis en iuj



*El la familia arkivo de Herta Haas: Heinrich Haas kun siaj infanoj*

manifestaĵoj ĉar ili engaĝis min reciti poemojn en Esperanto.

Kiel memstara societo ĝi estis refondita en Maribor en 1922 kaj kiel prezidanto denove estis elektita mia patro.

En la E-societon li baldaŭ membrigis ankaŭ mian patrinon Priska Haas (naskita: Priska Schindler la 8-an de januaro 1888 en Knittenfeld, Aŭstrio) kiu mortis la 26-an de julio 1975 en Maribor. Mia patrino abiturientiĝis en 1909 en la porinstruista lernejo en la germana lingvo de Maribor. Du jarojn ŝi instruis kiel instruistino en vilaĝaj lernejoj de Aŭstria Stirio (Steiermark). Membro de Esperanto-societo ŝi fariĝis en 1911. Mia patro ne povis imagi ke lia edzino ne parolus Esperanton kaj mia patrino rapide ĝin ellernis.

Miaj gepatroj partoprenis en pluraj Esperanto-kongresoj en Eŭropo. Ili ĉeestis en la 8-a monda E-kongreso en Krakovo (Pollando) en 1912, en la kongreso en Bern (Svisio) en 1913 kie ili konatiĝis ankaŭ kun la fondinto de Esperanto, la fama Zamenhof. Mi memoras ke lia busto blankkolora farita el gipso staris en nia hejmo honorloke.

En la monda kongreso en Vieno en 1924 en kiu partoprenis reprezentantoj de 45 landoj, ĉeestis ankaŭ miaj gepatroj. Al tiu vojaĝo ili kunprenis kaj min kaj mian fraton Silvio (1912-1936). Ni jam fruaĝe ellernis Esperanton, ĉar niaj gepatroj inter si parolis en Esperanto, aparte kiam ili ne deziris ke ni infanoj komprenu pri kio ili parolas. Mi vizitis la kurson de Esperanto ankaŭ poste en gimnazio kun skoltoj kie instruis profesoro Rakuša, la maribora esperantisto.

El tiu periodo mi memoras, ke mi partoprenis la feston okaze de 15-jariĝo de la fondo de la societo en 1925, kiu okazis en kinejo "Kasino" sur la Placo de Slomšek. Mia rolo estis atenti pri ekspoziciitaj libroj. Mi ankaŭ memoras renkontiĝon de esperantistoj de Maribor kaj Zagreb kiu okazis, ŝajnas al mi en 1928. La kunveno estis en hotelo "Meran" vidalvide al la Fervojista stacio de Maribor. Tiu hotelo estis dum la Unua mondmilito ege damaĝita sed la salono restis kompleta kaj en ĝi okazis la kunveno en kiu partoprenis ankaŭ Zagreba esperantisto d-ro Dušan Maruzzii, kiu tiutempe ege imponis al mi.

Maribor tiutempe estis tre nacie miksita medio en kiu vivis aŭtoktonaj slovenoj, plimulte en ĉirkaŭaj vilaĝoj kaj Aŭstroj kiuj ĉefe loĝis en la urbo mem. Mian fraton kaj min la patro tre frue edukis por tolero kaj kosmopolitismo kaj li parolis ke en tiu streĉiteco kiu regas inter slovenoj kaj aŭstroj oni ne rajtas aliĝi al kiu ajn flanko sed necesas kunlabori kun ĉiuj kaj esti en bonaj rilatoj. El tiu juna periodo mi memoras ke la patro estis tre zorgema. Se pluvis li metis mian fraton surŝultren kaj min surdorsen kaj tiel li portis nin al infanĝardeno kiu ne estis malproksime de la hejmo nur por ke ni ne malsekiĝu kaj ne sidu la tutan tagon malsekkruraj en la infanĝardeno.

Mia patro estis homo kun granda intelektula kapablo kaj ĉiuflanka interesiĝo. Post lia morto restis neniu materia heredaĵo, la emeritulan monon la patrino ne povis ricevi ĉar li tro mallonge pagadis pensiulan asekuron sed ankaŭ la vivasekuron li ne sufiĉe longe pagadis, ĉar li interrompis ĝin por povi pagi la pensiulan asekuron. Sed postrestis grandega biblioteko. Li simple la tutan monon investis al libroj. Li havis tiamajn gravajn leksikonojn, de Mayer kun 24 libregoj kiun ni ankaŭ nuntempe posedas kaj tiun de Brockhaus, kiun la patrino devis vendi. Ankaŭ postrestis multaj lernolibroj de fremdlingvoj. Aliajn librojn mia patrino donacis al diversaj bibliotekoj de Maribor post la dua mondmilito. Mi esperas ke tiuj libroj tiamaniere tamen restis konservitaj kaj povis uzi ilin interesitaj legantoj.

Post lia morto, mia patrino daŭrigis labori en la advokatejo kiel oficistino kaj tiel ŝi vivtenis sin kaj la infanojn. Ŝi ankaŭ daŭrigis sian aktivadon en Esperanto-societo de Maribor inter la du mondmilitoj kaj poste kiam ŝi ankaŭ komencis instrui. Ŝi ankaŭ membris en Internacia Esperanto-Ligo. Individuajn instruhorojn ŝi aranĝis por pluraj homoj ĝis sia morto en ŝia 88-a vivjaro. Ĉiujn kursojn kaj individuajn horojn ŝi faris senpage. Ŝi estis prezidantino de la Societo dum kelkaj jaroj kaj kiam ŝi ne plu povis tion fari pro la aĝo kaj malbona vidkapablo oni nomis ŝin ĝismorta honora prezidantino. Ŝi estis konata ankaŭ pro sia karitata laboro. De sia emeritula salajro ŝi ofte donis monon al Esperanto-societo kaj ŝi ankaŭ kroĉetis tablotukojn kiujn la membroj de E-societo vendadis kaj la monon donacis okaze de katastrofoj en Jugoslavio, Peruo, Pakistano... Pro ĉio tio ŝi ricevis Ordenon por meritoj por la popolo kun arĝenta stelo en 1975, kiun mi ricevis post ŝia morto.

En Beogrado, la 2-an de marto 2010

***Herta Haas***

***Esperantigis Zlatko Tišljar***

(La aŭtorino Herta Haas mortis tri tagojn poste, estis cindrigita en Beograd kaj en aprilo entombigita apud sia patrino en la tombejo de Maribor. La artikolon kaj la fotojn el la familia albumo, elektita de la aŭtorino, post la morto de Herta Haas peris al KEL ŝia filo Mišo Broz, al kiu ni dankas.)

# VIVPROTOKOLOJ

## LIBRO KOMPILITA DE URLICH BECKER KAJ ZDRAVKA METZ

Nova eldono de Vivprotokoloj estis farita por Universala Kongreso de Esperanto en Pollando 2009.

La libro estas sekvo de la projekto de Monda Kunagado por Eduko, Scienco kaj Kulturo - kies unua eldono estis en 1995 kun 13 rakontoj. La dua, pli ol duobliĝis (31 esperantistoj priskribis siajn vivojn, rakontitaj inter 1991 kaj 2008, el 14 landoj, tra 4 kontinentoj).

Kelkfoje temas pri vivrakonto, kelkfoje nur pri travivaĵo, evento en la vivo de la persono, foje pri iu tradicia festo aŭ ordinara, ĉiutagaĵo. Rakontantoj estas simplaj homoj: studentoj, laborantoj aŭ jam emerituloj; kiuj vivas familie aŭ sole; sanaj aŭ kun hendikapo; hodiaŭ vivantaj aŭ jam mortaj. Ili esprimas sian vidpunkton pri certaj ecoj de la vivo kaj ili tre malsamas unu de la alia.

Ilin kunigas Esperanto ĉar ili ĉiuj: aŭ komencis studi, aŭ jam estas spertaj esperantistoj, aŭ nur lernis, uzis, parolis Esperanton kiel ŝatokupo, kiu iom ŝanĝiĝis pro nova intereso.

Mi protokolis 23 rakontojn pri esperantistoj el: Ĉinio, Kostariko, Pakistano, Belgio, Haitio, Estonio, Kanado, Usono, Japanio, Barato, Bulgario, Francio kaj el mia denaska lando Kroatio.

Kvin personoj kiujn mi konis, malkaŝis al mi siajn profundajn opiniojn, sekretojn, kvazaŭ prilumigis ion nekonatan. Foje oni renkontas homojn, revidas ilin kaj travivas kune parton de la vivo, sed ne prenante la tempon por scii pli, kio troviĝas en ilia koro aŭ profunda penso, la persono restas nekonata.

En Vivprotokoloj oni malkovras kvin esperantistoj el Kroatio:

**Mi vidis la mondon** - Jelena rakontas pri sia vivo-vojo dum 95 jaroj (ŝi, ja, naskiĝis en 1898), politikaj sistemoj kaj landlimoj ŝanĝiĝis, sed entuziasmo pri Esperanto restas ĝis la lasta tago. Sufiĉas nur mencii internacian lingvon kaj belaj memoroj vekiĝas: lernado, korespondado, kongresoj, renkonto kun Klara Zamenhof, amikoj, vojaĝoj, ŝparita mono por entombigo elspezita por Islando, plezura volontulado en Amruševa 5, kie ŝi "renkontis milojn da gejunuloj kiuj venis al Zagrebo".

(Jelena mortis 3 semajnojn post kiam intervjuis ŝin Spomenka Štimec.)

**Miaj lernantoj estas miaj infanoj** - Zdenka, profesorino de matematiko kaj fiziko ĉe gimnazio, instruis ankaŭ Esperanton al centoj de gelernatoj de multaj generacioj. Ŝi lernas la lingvon en Nova Gradiška dum ŝi estas gimnazianino. Post la studoj en Zagrebo, nova posteno en Varaždin de 1953. Estas kutimo ke gimnazianoj - eĉ post la fino de mezgrada lernejo, daŭrigas renkontiĝi ĉiujn kvin jarojn. Tiam tiaj solenaj vespermanĝoj similas al familiaj renkontiĝoj kaj "mi sentas miajn lernantojn kiel miaj infanoj".(Zdenka mortis en Varaždin, kelkajn tagojn antaŭ la komenco de UK en Zagrebo 2001.)

**Rat i Mir** - Ratimir vivas ankoraux eĉ post tri tavivitaj militoj. Ŝatanto de homoj same kiel de la naturo, kie li trovas belecon, sanon kaj pacon. Tion li transdonis al siaj tri filinoj. Tamen unu paĝon de sia vivo li ne rakontis al filinoj dum ili junis, sed priskribas ĝin 40 jarojn poste, rakontante pri tiu "Kruca vojo" kiun li travivis post la fino de la milito 1945. Familia homo, fidela edzo, bona patro, zorganta avo pri siaj naŭ genepoj. Du de ili - Damir kaj Mira, enhavas MIR - paco, ene de siaj nomoj." Tiu malgranda vorto kun granda signifo ja troviĝas en multaj kroataj nomoj ekde la oka jarcento".

**Braĉa ŝtono** - Ivica naskiĝis kaj daŭre vivas sur Brač. "Ŝtonoj estis la unua pejzaĝo kiun mi vidis. Mi ludis per ŝtonoj..." Li ankaŭ hodiaŭ laboras en vilaĝo Pučišća en minejo de blanka ŝtono. Jes, tiu braĉa ŝtono laŭ kiu Waŝingtona domo nomiĝas "blanka domo" pro la koloro de la ŝtono. Li vivas ĉiutage duoblan vivon: matenan kiel segisto en minejo kaj postagmezan kiel agrikulturisto. Nur de la pinto de la naskiĝvilaĝo Humac, li povas vidi Adriatikan maron, flarante lavandon kiun li kultivas, zorgante pri vinberejo kiu donas bongustan vinon Plavac kaj nutrante kaj promenante kun siaj kaprinoj. Ĝuste tiu kaprina lakto kaj vino plavac donas energiplenan trinkaĵon -"smutica" kiu refreŝigas dum varmega somera tago.

**Esperanto ŝanĝis mian vivon** - Krešimir naskiĝis en Zagrebo, finis mezgradan lernejon, ekstudis medicinon kaj tiam konatiĝis kun kolego kiu invitas lin veni en SEK (Studenta Esperanto-Klubo). Li komencis lerni Esperanton, havis pli ol dudek korespondantinojn el la tuta mondo, ĉeestis TEJO kongreson, PIF-on (Pupteatra Internacia Festivalo) kaj unu foje ĉiĉeronis en Zagrebo por junulino Sevda kiu studis en Parizo. Poste li vizitas ŝin en Parizo kaj jen, grava decido, li translokiĝis tien, eklaboris por SAT (Sennacieca Asocio Tutmonda) kaj tiel laborante ĉiutage en Esperanto kaj por Esperanto, li gajnis sian emeritiĝon en Parizo vivante kun edzino kaj ofte en kontakto kun gefiloj. "Al niaj infanoj nenio mankis, kaj amo abundis. La amo kaj familia vivo ja estas la bazo por la feliĉo." Li estas ankaŭ avo kaj foje ludas kun sia nepo.

Ankaŭ mi feliĉis ĉiam, kiam mi finskribis ĉiujn notitajn informojn kiuj plaĉis al rakontinto. Mi tres ŝatis tiun - mi ne dirus laboron, sed plezuran aktivecon kiu permesis al mi koni iun multe pli. Ĝojon mi sentis kiam unu junulo diris al mi, post 4-hora babilado - "dankon, kvazaŭ mi promenis tra mia vivo".

Gravas mencii ke ĉiu historio estis legita de la persono mem kaj la persono povis ŝanĝi, korekti - se okazis ia miskompreno kaj fine li aŭ ŝi akceptis ke la protokolo aperu plej vera. (priskriboj okazas en mi-formo, sed fakte tiel estis nur rakontitaj kaj la aŭtoroj unuigis rakontaĵojn en simpatia, interesa legaĵo).

La lasta rimarko estu de Urlich Becker - "La tekstoj aperas pli en parolata lingvo ol en iu polurita, literatura versio."

La projekto Vivprotokoloj povintus facile daŭrigi kaj Urlich invitas ĉiujn partopreni en estontaj eldonoj kaj viziti paĝon ***www.librejo.com/vivprotokoloj***

*Zdravka Metz*

# POSTDIPLOMAJ INTERLINGVISTIKAJ STUDOJ EN POZNANO, POLLANDO

Ĉe Universitato Adam Mickiewicz (UAM) en urbo Poznano en Pollando oni studas Interlingvistikon uzante Esperanton kiel laborlingvon, studlingvon, kaj lingvon de interkomprenigo. Interlingvistiko kiel scienca branĉo pritraktas kaj esploras, krom naturajn lingvojn, ankaŭ planlingvojn, kaj ene de planlingvoj estas pritraktata Esperanto kiel la plej uzata.

Ekde la komenco de la studoj, tio estas dum kvin semestroj, studantoj aŭskultadis prelegojn kaj trapasis ekzamenojn pri sekvaj studobjektoj: lingva komunikado, fonetiko, gramatiko, morfologio kaj sintakso, semantiko kaj leksikologio, interlingvistiko, frazeologio, historio de la Esperanta movado, Esperanta literaturo, Esperanta kulturo, pragmalingvistiko kaj aplikata lingvistiko. Ĉi sesion, en la jaro 2010, kiu okazis inter la 18-a kaj la 24-a de septembro, pri Esperanta literaturo kaj beletra tradukado prelegis István Ertl, pri metodiko Katalin Kováts, kaj pri interpretado kaj tradukado, el la Brusela Universitato, prelegis Kristin Tytgat.

Du studentinoj el Kroatio partoprenas la Studojn: Marija Jerković kaj Tea Radovanović, kiuj, post la septembra sesio ĉeestis kulturan programon ARKONES (ARtaj KONfrontoj en ESperanto), de la 24-a ĝis la 26-a, kaj prezentis la projekton de Kroata Esperanto-Ligo nomata "Hindia infanlibro en Eŭropo kaj tri infanlibroj eŭropaj en Hinda Unio". La sekvonta sesio okazos en februaro en la jaro 2011.

Paralele kun Postdiplomaj Interlingvistikaj Studoj okazas ankaŭ unujara programo, Instruista Trejnado, organizata en kunlaboro de Interlingvistikaj Studoj de la UAM kaj ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj). Tiu ĉi programo ebligas al partoprenantoj ke ili dum du semestroj (ĉiun semestron po unu semajno en Poznano), trastudu kaj ellernu la bazajn konojn necesajn por instruado de lingvo Esperanto, kaj spertu trejnadon pri metodiko. La gvidantoj de la Instruista Trejnado estas dr. Katalin Kováts kaj dr hab. Ilona Koutny. La studjaro por la nova grupo komenciĝis ĉi septembron, kaj ĝin partoprenas dekunu personoj.

Estontaj partoprenantoj de Postdiplomaj Interlingvistikaj Studoj aŭ de Instruista Trejnado, kiuj komencos studi en septembro 2011, povas trovi pli da informojn kaj aliĝilon en la retpaĝo ***http://www.staff.amu.edu.pl/Ŝinterl/index.html*** aŭ/ kaj kontakti la gvidanton dr hab. Ilona Koutny, ĉe ***interlin@amu.edu.pl***.

*Tea Radovanović*

## VODNIKOVA 9 – NIA ESTONTA EJO

| | |
|---|---|
| 546. Sanja Damjanić | 8,28 eŭroj |
| 547. Karmen Crnković | 29,54 eŭroj |
| 548. Vjekoslav Morankić | 4,12 eŭroj |
| 549. Dragutin Smolić | 12,58 eŭroj |
| 550. Davor Klobučar | 44,57 eŭroj |
| 551. Srećka Bakarić | 10,99 eŭroj |
| 552. Gordana Jurina | 13,82 eŭroj |
| 553. Zdravka Metz | 14,29 eŭroj |
| 554. Milan Sudec | 75,55 eŭroj |
| 556. Familio de J. Krpan | 2,06 eŭroj |
| 557. Ljiljana Kuzmanović | 27,48 eŭroj |
| 558. Lucija Borčić | 27,48 eŭroj |
| 559. Zlatko Hinšt | 27,48 eŭroj |
| 560. Goran Lakotić | 6,87 eŭroj |
| 561. Zlata Nanić | 68,69 eŭroj |
| 562. Davor Štimec | 20,61 eŭroj |
| 563. Ranka Mraković | 20,61 eŭroj |
| 564. Branka Čečuk | 20,61 eŭroj |
| 565. Mladenka Đaković | 13,74 eŭroj |
| 566. Jelka Glumičić | 13,74 eŭroj |
| 567. Rudolf Hahn | 6,87 eŭroj |
| 568. Olga Srkoč | 50,00 eŭroj |
| 569. Aleksije Herić | 13,74 eŭroj |
| 570. Dinka Šimunić | 6,87 eŭroj |
| 571. Tomislav Plačković | 9,62 eŭroj |
| 572. Halka Bilinski | 9,62 eŭroj |
| 573. Stanislav Škrbec | 13,82 eŭroj |
| 574. Adela Franelić | 4,81 eŭroj |
| 575. Marijan Benc | 13,82 eŭroj |
| 576. Spomenka Štimec | 6,87 eŭroj |
| 578. Kruno Tišljar | 4,12 eŭroj |
| 579. Kikuŝima Kazuko | 500,00 eŭroj |

Post aprilo kolektite **1.103,27 eŭroj**
Ekde la jaro 2003 kolektitaj entute **25.875,72 eŭroj**
Nia kredito reduktiĝis al **27.963,52 eŭroj**

En la jaro 2010 ni repagadas nian krediton por centra hejtado muntita en 2009. Nia ŝuldo por centra hejtado restas **2.632,00 eŭroj**

# NEKROLOGOJ

## MATO BRČIĆ-KOSTIĆ (1912-2010)

Mato Brčić-Kostić, membro de Esperanto-Societo Bude Borjan en Zagrebo, mortis en sia 99a vivojaro la 19an de majo 2010. Li naskiĝis en Subotica la 10an de februaro 1912, kie li finis gimnazion. Matematikan sciencon li studis en Zagrebo kie li doktoriĝis pri ĝi. Li multe gastprelegis, partoprenis en UK inter 1953 kaj 1993. Kulture, socie kaj politike li estis aktiva en Subotica. Por Esperanto li multe aktivis en Subotica kaj Sarajevo. En 1991 li kunordigis la lastan jugoslavian Esperanto-kongreson. Ekde 1986 membro de Akademio Internacia de San Marino. Distingita per ordeno pro meritoj de Jugoslavia Esperanto-Ligo (1969), aparte pro siaj laboroj en Subotica kaj Sarajevo. Membro de Societo de matematikistoj de Kroatio, post sia translokiĝo al Kroatio en 1994.


Foto el la arkivo de DEC


Fotis Vera Matanović

## MIRJANA MATANOVIĆ-MANNER (1925 -2010)

La 30an de aprilo 2010 mortis en Zagreb Mirjana Matanović-Manner. Ŝi naskiĝis en Bugojno la 17an de oktobro 1925 en Bosnio kaj Hercegovino. Ŝi finstudis Filozofian fakultadon, diplomiĝinte pri pedagogio kaj psikologio. Esperanton ŝi lernis en tri kursoj en Esperanto-Societo **Bude Borjan** en Zagrebo en la kvindekaj jaroj ĉe kursgvidanto **Mirko Mamužić**, ŝia posta edzo. Kun li ŝi poste translokiĝis al Svislando, kie ili aktivis pri Esperanto, alpreninte la familian nomon Manner. Post la morto de la edzo Mirko Mamužić-Manner, Mirjana Matanović-Manner vivis en Zagrebo. Grandaj mondvojaĝantoj, ili ambaŭ partoprenis en multaj Universalaj Kongresoj. Ŝi financis la duan eldonon de la gramatiko de sia edzo **Kompendio de la Esperanta gramatiko** (por superaj ekzamenoj) kaj malavare subtenis la kroatan Esperanto-Movadon.

*S. Š.*

## D-ro MILIVOJ LOZOVINA (1925–2010)

Naskiĝis en Seget Donji la 27an de julio 1925. En la Dua mondmilito li partoprenis en partizana armeo ekde 1943. En 1957 diplomiĝis en la Agronomia fakultato en Zagrebo kaj en 1965 doktoriĝis pri biologiaj sciencoj en la Bioteknologia fakultato. Post la komencaj posteno en Vrlika, li postenis en la Kemia instituto de la Agronomia fakultato en Zagrebo kie li pensiiĝis kiel docento. Ekde 1981 li laboris en la Agronomia instituto de la Zagreba Universitato en Križevci. En kadro de la agrikultura kemio li okupiĝis pri birdoj, speciale pri birdobredado kaj pri la temo verkis multege da artikoloj. Li estis aŭtoro kaj kunaŭtoro de deko da lernolibroj por studentoj de agronomio kaj verkis multajn fakajn kaj sciencajn verkojn el ka kampoj de kemio kaj teknologio de agrikulturaj produktoj. Esperanton li lernis en 1939 kaj membris en Esperanto-Societo **Bude Borjan** ekde 1950. Landa delegito kaj dumviva membro de Ornitologia Rondo Esperantslingva, membro de Nova Biologia Nomenklaturo. Lia tombo estas en Zlatar, kie li vivis en la lastaj vivojaro. (Sur la foto de J. Štimac Milivoj Lozovina, la dua dekstre, en sia lasta aranĝo de KEL en majo 2010 en Hraščina.)

*S. Štimec*



# 8a kongreso de kroataj esperantistoj

## Velika Gorica, 11-an kaj 12-an de septembro 2010




Fotis Stanko Rukelj